al l' oriento, trifoje faras signon de kruco — kaj nur tiam ili alpaŝas hakoton. Oni devas haki tiamaniere, ke falante la arbo direktiĝu orienten. La unua lignero elfluginta sub la hakilo estas retrovata kaj zorge konservata : ĝi estas difinita por la dommastrino, kiu dum la tuta venonta jaro submetados tiun ĉi ligneron al la potoj plenigitaj je lakto. Pro tio, ili kredas, signife pliboniĝos la kvalito de l' lakto. Estas necese ankaŭ je l' momento de l' ekfalo ekdeziri al la forhakata arbo bonan matenon kaj superŝuti ĝin per hordeaj grajnoj, alie la alvenantan jaron estos malbonrikolta.

Sed jen la trunko, fine, estas forhakita. Ĝin oni metas sur veturigilon al kiu estas jungitaj bovoj, kaj forportas hejmen, atendinte vesperan krepuskon. La dommastrino la tutan tempon staras ĉe l' pordo kaj apenaŭ ŝi estas ekvidinta de malproksime la alirantan veturigilon, ŝi rapidas reen en la ĉambrojn, por kaŝi la tagmanĝan tablon, seĝojn, ĉiujn manĝovazojn kaj kulerojn ; ĉio ĉi estos « trovita » denove nur tiam, kiam la « badnjak »' oj gaje ekkraketos en la kristnaska kameno.

Ĝuste en la noktomezo la trunkon, dissegitan je ŝtipoj, solene enportas la infanoj en la *domon*, sur kies sojlo la « badnjak' » ojn akceptas la familiestro ; dezirinte al la infanoj bonan matenon kaj gajajn festojn, li prenas el iliaj manoj la ŝtipojn kaj ĉies kapon surŝutas plenmanon da hordeaj grajnoj.

Pri la « badnjak' » oj oni agas, kiel pri vivaj ekzistaĵoj ; ilin oni tuŝas zorgeme, singardeme, kvazaŭ timante igi al ili doloron. Plej malgranda grataĵo sur ilia ŝelo jam servas kiel malbona antaŭsigno. Neniu kuraĝas proksimiĝi al ili, ne vestinte la piedojn, pro timo dum la tuta jaro suferi turmentan malsanon. Tamen oni nescias, kion devas simboli tiuj ĉi arbaj ŝtipoj ĝuantaj tian honoron ĉe la Balkanaj Slavoj.

Estas kompreneble, ke je tia festo neniam mankas la tradicia kristnaska kuko kaj rostaĵo. Ĉiu gasto, antaŭ ol eniri la domon, devas esti nepre superŝutita per grenoj, la disŝutado de kiuj en la Kristnaskaj moroj de l' sudaj Slavoj ludas gravan rolon. En tasegon plenan je grenoj oni ŝovas kelke da kandeletoj, pare transligitaj krucforme per arĝentaj kaj oraj fadenetoj. Sidiĝante al la tablo, la dommastro ekbruligas tiujn ĉi kandelojn, kaj post la finiĝo de l' manĝado estingas ilin per panŝelo malsekigita en vino.

Kiel resto de l' patriarka antikveco aperas tiuj rigardindaj ceremonioj, kun kiuj la bonhavaj vilaĝanoj renkontas je la kristnaska antaŭvespero sian paŝtiston. La tuta familio, de malgrandaĝa ĝis grandaĝa,

---

bloc dénudé, il n'a pas immédiatement tranché la tête à une poule au moyen de la même hache : cette offrande seule peut le sauver du châtiment. Donc ce sont principalement les vieux arbres qui ne sont pas choisis pour les bûches de Noël. Les procédés mêmes de leur enlèvement sont entourés de quelque solennité et sont employés suivant des règles déterminées qui doivent être sévèrement suivies. Les personnes auxquelles a été confié le devoir de hacher et de livrer les « badniak » doivent absolument mettre des gants et n'ont pas le droit d'avoir la main nue, ne fut-ce qu'une minute, avant d'avoir fini leur tâche. Ayant choisi, après une longue délibération, un arbre convenable, les futurs bûcherons tournent le visage vers l'orient et par trois fois font le signe de croix — et alors seulement ils s'approchent de la victime. On doit travailler à la hache de telle façon qu'en tombant, l'arbre se dirige vers l'orient. Le premier morceau de bois enlevé par la hache est ramassé et soigneusement conservé ; il est destiné à la maîtresse de maison qui pendant toute l'année qui suivra, placera ce morceau de bois sous les jarres pleines de lait. De cette façon, croient-ils, la qualité du lait s'améliore d'une manière significative. Il est nécessaire aussi, au moment de sa chute, de souhaiter le bonjour à l'arbre abattu et de répandre sur lui des grains d'orge, sinon la récolte de l'année qui s'approche sera mauvaise.

Mais voici que le tronc est enfin abattu. On le met sur un chariot attelé de bœufs et on le transporte à la maison au crépuscule. A ce moment la maîtresse de maison stationne à la porte et à peine a-t-elle aperçu de loin le charriot qui arrive, elle s'empresse de rentrer dans les chambres, afin de cacher la table sur laquelle on prend le repas, les chaises, les assiettes, plats et cuillers ; tout ceci ne sera « retrouvé » que lorsque les « badniak » commenceront à crépiter dans la cheminée de Noël.

A minuit précis le tronc, découpé en bûches, est solennellement introduit par les enfants dans la maison, sur le seuil de laquelle le chef de famille a accepté les « badniak » et souhaitant aux enfants une bonne journée et de joyeuses fêtes, il prend de leurs mains les bûches en versant sur chacune des têtes une poignée de grains d'orge.

Vis-à-vis des « badniak » on agit comme vis-à-vis des êtres vivants ; on ne les touche qu'avec soin et circonspection de crainte de les blesser. La moindre égratignure sur leur écorce est déjà un mauvais présage. Personne n'ose s'approcher d'elles n'ayant pas les pieds couverts, de crainte de souffrir de maladie pendant toute l'année. Cependant on ignore ce que symbolisent ces bûches d'arbres jouissant d'un tel honneur chez les Slaves des Balkans.

Il va de soi qu'à cette fête le gâteau de Noël et le rôti ne manquent jamais. Chacun des hôtes avant d'entrer dans la maison,

*hoofd eener hen afkapt met dezelfde bijl : dit offer alleen kan hem van de straf redden. Dus zijn het voornamelijk de oude boomen die niet voor kerstblokken worden verkozen. De wijzen waarop men ze weghaalt zelf gebeuren met staatsie en volgens vastgestelde regels die men streng naleeft. De personen aan welke het vellen en leveren der « badniak » wordt toevertrouwd, moeten volstrekt handschoenen dragen en hebben niet het recht de hand bloot te maken, zelfs niet een minuut, alvorens hunne taak te voleindigen. Na lange beraadslaging hebben zij den passenden boom verkozen, draaien de gezichten naar het Oosten en maken drie maal achtereen het teeken des kruizes ; slechts dan naderen zij het slachtoffer. Er wordt zoo te werk gegaan opdat de boom in zijn val zich naar het Oosten richte. Het eerste stuk afgehakt hout wordt opgeraapt en met zorg bewaard. Het is der meesteres van het huis bestemd die het gedurende gansch het volgend jaar steeds onder de met melk gevulde teilen zal plaatsen. Daardoor meent men de melk op beteekenisvolle wijze te verbeteren. Het is ook noodig in zijn val den boom goeden dag te wenschen, en over hem gerstegraan uit te strooien, zooniet zal de nakende oogst slecht wezen.*

*Doch zie de boom is geveld. Men plaatst hem op een wagen door ossen voortgetrokken en men vervoert hem naar huis in den valavond. Op dit oogenblik staat de bazin des huizes op den drempel ; zoodra zij den wagen, die in de verte aankomt, ontwaart, treedt zij binnen in de kamers, en stopt weg, de tafel waarop het maal wordt gebruikt, de stoelen, de tellooren, schotels en lepels ; dit alles zal « teruggevonden » worden wanneer de « badniak » zullen beginnen te knetteren in de kerstschouw.*

*Te middernacht stipt wordt de tronk in blokken gekapt en plechtig door de kinderen in huis gebracht ; op den drempel staat het hoofd des huizes, en neemt de « badniak » aan ; hij wenscht de kinderen een gezegenden dag toe, en vroolijke feesten ; hij neemt de blokken uit hunne handen en stort op elk hoofd een handjevol gerstegraantjes uit.*

*Men handelt jegens de « badniak » als jegens levende wezens ; men raakt ze slechts met zorg en voorkomenheid aan uit vrees van ze te kwetsen. De minste krab op hunne schors is reeds een slecht voorteeken, niemand durft ze met ongedekte voeten naderen uit vrees door ziekten te worden aangetast gedurende het geheele jaar. Onbekend is gebleven wat deze houtblokken verbeelden om zulke eer bij de Balkanslaven te genieten.*

*Het spreekt dat op dit Kerstfeest de Kerstkoek en het gebraad nooit ontbreken. Elke gast moet vooraleer het huis binnen te treden met graan zijn besproeid ; dit graan verspreiden speelt een belangrijke rol bij het Kerstfeest en de zeden der Zuiderlijke Slaven. In een schotel vol zaden laat men enkele kleine kaarsjes glijden twee per twee kruiswijze aaneengebonden bij middel van gouden en zilveren draden. Nadat hij aan den disch heeft plaats genomen steekt de baas des huizes deze kaarsen aan, en bij het einde van*

estas atendanta lin en la korto, kiam vespere li reiras kun sia brutaro. La dommastro tenas prete tasegon plenan je hordeo, la dommastrino, en unu mano kukon kaj glason da vino, kaj en la alia brulantan kandelon. Ĉiu infano ankaŭ tenas en la manoj brulantan kandelon. La paŝtisto tre kliniĝas antaŭ la mastro, kiu kun afablaj salutvortoj superŝutas lin per la grajnoj. Post tio la mastrino prezentas al li la kukon, kies parton la paŝtisto derompas kaj formanĝas kaj la restantan parton ĵetas en la tasegon plenan je hordeoj; trinkinte trifoje el la glaso, li elverŝas la vinajn restojn sur la starantan ankaŭ ĉi tie brutaron. Nur post ĉio ĉi la paŝtiston oni invitas en la domon. Li sidiĝas sur fojne remburitan sakon, partoprenas egale kun ĉiuj la vespermanĝon, sed dum la tuta vespero li ne devas diri unu vorton. Ĉiuj rilatas al li kun videbla estimo, kaj la plej riĉa vilaĝano ne permesas al si en tia tago kvankam per io humiligi sian paŝtiston.

Tradukis K. BOGUŜEVIĈ.

Stavropol-Kavkazskij, Rusujo.

doit être obligatoirement arrosé de grains, cette dissémination du grain joue un rôle important à Noël dans les mœurs des Slaves méridionaux. Dans un plat plein de grains on fait glisser quelques petites bougies, liées deux par deux en croix au moyen de fils d'or et d'argent. Ayant pris place à table, le maître du logis allume ces bougies et à la fin du repas, il les éteint au moyen d'une croûte de pain trempée dans le vin.

Ces curieuses cérémonies paraissent être un reste de l'antiquité patriarcale pendant lesquelles les villageois aisés se rencontrent, la veille de Noël, avec leur berger. Toute la famille, du plus vieux au plus jeune, est à l'attendre dans la cour, lorsque le soir il rentre avec son troupeau. Le maître tient prêt un plat d'orge, la maîtresse de maison, dans une main un gâteau et un verre de vin, et dans l'autre une chandelle allumée. Chacun des enfants tient également en main une chandelle allumée.

Le berger s'incline profondément devant le maître qui, avec quelques paroles affables, l'arrose de grains. Après quoi la maîtresse lui présente le gâteau que le berger rompt et mange en partie, le restant est jeté dans le plat d'orge; ayant vidé trois fois le verre, il verse le reste de vin sur le troupeau qui se trouve encore là. Ce n'est qu'après cela qu'on invite le berger à la maison. Il s'assied sur un sac bourré de foin, participe également avec tous au souper, mais pendant toute la soirée il ne doit souffler mot.

Tous le traitent avec une estime visible, et le plus riche villageois ne se permet pas, en ce jour, n'importe de quelle façon, d'humilier son berger.

Traduction de JOS. JAMIN.

*het maal dooft hij ze uit bij middel eener korst brood in wijn gedopt.*

*Deze belangwekkende plechtigheden schijnen een overblijfsel te zijn van de patriarkale oudheid, waar, op de kerstdagen, de begoede dorpelingen den schaapherder ontvangen. Geheel de familie van het oudste tot het jongste lid, wacht hem op het voorhof wanneer hij des avonds met zijne kudde terugkeert. De meester houdt gereed een schotel gerst, de meesteres, in de eene hand een koek en een glas wijn, in de andere eene brandende kaars. Elkeen der kinderen houdt eveneens eene brandende kaars vast.*

*De herder buigt diep voor den meester die hem onder het spreken eeniger vriendelijke woorden met graan besproeid. Daarna biedt hem de meesteres den koek welke de herder aan stukken maakt, en gedeeltelijk opeet; de overschot wordt in de gerstkom geworpen; nadat hij driemaal het glas ledigde giet hij wat overschiet over de kudde die daar nog steeds is. Slechts dan noodigt men den herder uit in het huis te treden. Hij zet zich neder op een zak gevuld met hooi, neemt met allen aan het avondmaal deel, doch gedurende de heele avond moet hij geen woord uitgalmen.*

*Allen behandelen hem met eene zichtbare achting, en de rijkste dorpeling, zou zich niet toelaten, op welke wijze ook, zijn herder te vernederen.*

Vertaald door J. S. WILLEMS.

# Medicina Esperantista Grupo de Francujo.

*Alvoko al la Franclingvaj Medicinistoj.*

Sub la nomo « Groupe Médical Espérantiste de France » (Medicina Esperantista Grupo de Francujo), S^ro^ D^ro^ P. Rodet, fervora Pariza Esperantisto kaj verkinto de l' broŝuro : « *Por niaj filoj kiam ili estos dek-okjaraj* », jus kreis novan grupon kiu celas kunigi ĉiujn franclingvajn kuracistojn, farmacistojn, dentistojn, medicinajn studentojn, k. c.

La celo de la Grupo estas 1) organizi tre efikan propagandon per paroladoj, kursoj, broŝuroj, k c. en la Universitatoj, precipe en la Medicinaj Fakultatoj, 2) krei la « Teknikan Medicinan Vortaron ».

Kiel eble scias kelkaj inter la legantoj, jam pli ol unu fojon oni klopodis por organizi la kreadon de tiu Vortaro sed, pro kaŭzoj ĉi tie ne malvolvotaj, tiuj klopodoj malsukcesis aŭ ankoraŭ malsukcesas.

Ĉu la nova grupo, pli zorgeme starigita, povus trafi efikan rezultaton? Ĉu ĝia prilaborita vortaro ne montrus la francan devenon de la laborintoj, ne pruvus ree la emon de l' Francoj por esperantigi tro da francaj vortoj? Kiamaniere la grupo agus por forigi tiun malhelpon, por doni al la Vortaro internacian postsignon kaj tiel ebligi ĝian aprobadon de D^ro^ Zamenhof, sen plua prilaborado?

Por solvi tiujn maltrankviligajn demandojn, S^ro^ Rodet afable sciigis min pri la farmaniero, kiun uzos la grupo. Tiu maniero estas kontentiga: la vortaro estos farata laŭ devigaj reguloj ne nur de l' francaj sed ankaŭ de ĉiuj franclingvaj medicinistoj; tial, la grupo alvokis al la Belgaj, Svisaj, Kanadaj, k c. Esperantistoj. Plie, la vortoj jam akceptitaj de tiu diversnacia aro estos sendataj de la grupo al aliaj nefranclingvaj medicinistoj el multaj landoj, por ke ili ankaŭ aprobu tiujn vortojn aŭ prezentu aliajn. La tuta laboro estos tiam sendata al D^ro^ Zamenhof. Mi aldonu ke oni starigis bonajn rimedojn por ke la laboro rapide efektiviĝu.

Laŭ mia opinio, tiu nova grupo, se ĝi trovos efikan apogon precipe ĉe la fremdaj Esperantistoj, povos rapide starigi bonan vere internacian Medicinan

Vortaron. La proponataj reguloj ne plu ebligos ke la laborantoj foriĝu de la rekta vojo kaj vagadu, for de ĉia rajta aŭtoritato, for de ĉia direktanta regulo, en senefika, malprava kaj ĥaosa klopodado.

Tial, mi forte alvokas al ĉiuj Belgaj Medicinistoj: kuracistoj, farmacistoj, k. c. En nia lando, kiel en multaj aliaj, sin trovas multaj medicinistoj inter la plej fervoraj Esperantistoj: en ĉi tiu rilato, la Grupo Antverpena estas precipe rimarkinda. Mi alvokas al ili kaj mi petas ke ili kuraĝe kunlaboru en la laboro proponita de l' nova Medicina Grupo. (Por ricevi plimulte da detaloj, oni sin turnu aŭ al S^ro^ D^ro^ Rodet, 7, Rue Boileau, Paris aŭ al mi).

Jen la komitato de l'Grupo: oni volu rimarki en ĝi la glorajn nomojn de pli ol unu plej honorinda scienculo:

*Honoraj Membroj*: S^roj^ Profesoroj BROUARDEL, (Parizo) kaj LÉPINE (Ljono).
*Prezidanto*: S^ro^ Profesoro BOUCHARD (Parizo).
*Vic-prezidantoj*: S^roj^ D^roj^ PICQUÉ kaj DOR.
*Ĝenerala sekretario*: S^ro^ D^ro^ PAUL RODET.
*Sekretario*: S^ro^ MAILLARD.

La jara kotizaĵo estas 5 fr^oj^ (2,50 por la studentoj); la membroj ricevas regule ĉiujn presaĵojn de l' Grupo. Kunvenoj okazas la duan mardon de ĉiu monato, ĉe la grupa sidejo: 93, Boulevard Saint-Germain, Paris.

D^ro^ M. SEYNAEVE.

Heule lez Courtrai.

## « *Quo Vadis* »

DE HENDRIK SIENKIEWCZ. (ELTIRAĴO).

Esperanta traduko el la Franca traduko de B. Kozakiewcz kaj J. L. de Janasz.

Je la tagiĝo de la morgaŭa tago, du malhelaj profiloj antaŭeniris sur la Apiena Vojo, en la ebenaĵoj de la Kampanio. Unu el ili estis Nazero, la alia estis Petro, kiu lasis Romon kaj siajn infanojn kiujn oni suferigis en Romo. Oriente, la ĉielo sin vestis jam de nepalpeblaj koloroj samcentraj kiuj, iom post iom, borderiĝis, tre malsupre je la horizonto, per safrana franĝo, pli kaj pli preciza. La arĝento de la foliajoj, la blanka marmoro de la kampodomoj kaj la arkaĵoj de la akvokondukoj kiuj, en la ebenaĵo, sin direktis Romon, elkreskis malrapide el la mallumoj. La ĉielo heliĝis grade, sorbiĝante samtempe je fluida oro. Sekve, la oriento ĵus roziĝis kaj lumigis la Albanajn montojn kiuj aperis, mirindaj kaj liliaj tiel kiel formitaj nur per klaraĵoj. La matenruĝo falis sur la spegulon de la rosaj gutoj, inter la frosta tremo de la branĉetaro. La nebulego solviĝis, malkovrante proksime post proksime la spacon de la ebenaĵo, semitan je domoj, tombejoj kaj arbaretoj aŭ blankigis kolonojn de sanktejoj. —

La vojo estis dezerta.

La kamparanoj kiuj alportis siajn legomojn al la urbo ne ankoraŭ estis jungintaj siajn veturilojn. Sur la ŝtonplatoj, kies vojo estis formita ĝis la montoj, resonis mallaŭte la ligno de la migraŝuoj de la ambaŭ pilgrimantoj. Poste, la suno eliris el subo de postaĵo de montoj kaj stranga vidaĵo stariĝis antaŭ la okuloj de la Apostolo.

Ŝajnas al li ke la blonda sfero, anstataŭ altiĝi al la ĉielo, estis glitinta de la supro de la montoj kaj sekvis la profilon de la vojo.

Petro haltis kaj diris: « Vi ne vidas tiun klaraĵon kiu alvenas al ni. »

— « Mi nenion vidas », diris Nazero, sed Petro ŝirmis siajn okulojn per la mano kaj post momento: « Homo alvenas al ni en la radia lumo de la suno ».

Tamen sonon de la paŝoj ili ne aŭdis.

Ĉirkaŭe, ĉio absolute silentis. Nazero nur vidis, malproksime, la arbarojn kiuj tremis tiel kiel malkvietitaj per nevidebla mano kaj, sur la ebenaĵo verŝiĝis, ĉiam pli ampleksa, la klaraĵo. Kaj li rigardis surprize la Apostolon.

— «Rabbi! (1) kion ci havas?» li ekkris maltrankviligita. El la manoj de Petro, la bastono estis glitinta sur la vojon; liaj okuloj rigardis fikse antaŭ li; tia buŝo estis duone malfermita kaj la mirego, la ĝojo, la ravo, brilis sur lia vizaĝo.

Li genufleksis, la manojn etendis kaj el sia buŝo ŝprucis:

« Kristo! Kristo!.... »

Kaj li faliĝis, kapo kontraŭ tero, tiel kvazaŭ li estis kisanta nevideblajn piedojn. Longatempe silento regnis. Poste, la voĉo de la maljunulo laŭtiĝis, premegita de ploregoj:

*Quo vadis, Domine?* (Kien ci iras, Sinjoro?)

Kaj la respondon ne aŭdis Nazero. Sed al la oreloj de la Apostolo alvenis malgaja kaj dolĉa voĉo kiu diris:

— « Kiam ci lasas mian popolon, mi iras Romon... por ke, ankoraŭ unufoje, oni krucumu min ».

La Apostolo estis falinta sur la vojon, la vizaĝo en la polvon, sen ia gesto, sen ia vorto. Nazero jam pensis ke li estis sveninta aŭ mortinta. Sed ii, fine, leviĝis, reprenis en siaj tremantaj manoj sian pilgriman bastonon kaj, sen ia vorto, returnen iĝis kaj rekte rigardis la « Sep montetojn (2). »

Tiam, la knabo rediris, tiel eĥo:

« *Quo vadis Domine*? »

« Romon » diris dolĉe la Apostolo.

Kaj li revenis Romon.

Tradukis Jos. JAMIN.

Eltirita el la manuskripta rondiranto « Vaga Stelo ».

(1) Rabbi = hebrea filozofo.
(2) La sep montetoj kiuj ĉirkaŭadas Romon.

## Esperantaj Verkoj.

**Lernolibroj, Literaturo, Propagandiloj, k t. p.**

*Notu bone.* — La montritaj ciferoj estas la kosto ĉe la venlistoj. Oni devas aldoni la sendpagon kiam oni deziras ricevi la librojn poŝte.
Ĉiam peto de sciigoj aŭ informoj estu sendota kun poŝtmarko por respondo.
Kun ĉia mendo oni devas aldoni pagon de la libroj menditaj.

KOLEKTO ESPERANTA APROBITA DE D^ro ZAMENHOF.

Ĉe A. J. Witteryck-Delplace, 4, Nieuwe-Wandeling, Bruges.
**Paĝoj de la Flandra litteraturo**, de D^roj M. Seynaeve kaj Raym. Van Melckebeke . . . . . . . fr. 1.50

Ĉe Hachette & K^ie 79. B^d St-Germain, Paris.
**Kondukanto kaj Antologio Internacia** de A. Grabowsky . . . . . . . . . . . . . . . . . fr. 2.00

## DIVERSAĴOJ.

Ĉe Hachette kaj k^io, 79 B^d S^t-Germain Paris.
**Extraits de l'Histoire de la Langue Universelle** par MM. L. Couturat et L. Leau . . . . . . . fr. 1.00
**Mia Vilaĝo** kun Franca traduko, illustrita per du Fotografaĵoj, de S^ro Joseph Delfour.

Ĉe Esperanto Verlag Möller & Borel, Prinzenstrasse, 95, Berlin.
**Ueber die Bedentung der Esperanto-Sprache** für den Handelsstand, von Bruns Zierenberg.
**Die Frage einer internationalen Hilfssprache und das Esperanto**, von J. Borel, zweite vermehrte Auflage . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Preis 15 Pfennige.

Ĉe « Lingvo Internacia » 27 B^d Arago, Paris.
**Esperanta Versfarado**, en Esperanto verkita de J. Parisot kaj Th. Cart, kosto. . . . . . 30 centimoj.

Ĉe Jonko Davidov, Silistra, Bulgarie.
**Evolucio de la Lingvo Internatia** en Bulgara lingvo . . . . . . . . . . . . . . franko 0.50

Ĉe G. Kolowrat, Morskaja, 29. S^t-Peterburgo Russie.
**Rimoj** en Esperanto — Prezo . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 20 centimoj.
**Kuraĝe autaŭen**! kanto, prezo. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 30 centimoj.

Ĉe la Esperanta Pariza Grupo, 28 rue Serpente, Paris.
**Ilustritaj poŝtkartoj** de la Esperanta Ekspozicio en S^t-Louis (U. S. A.).
Afranke { 10 Ekzempleroj . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . fr. 0,45
Afranke { 100 » . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . » 4.00

**AVIZO.** — Tiun ĉi rubrikon ni daŭrigos laŭ apero de novaj libroj.
La Esperantistoj de ĉiuj landoj povas peti senpagan enskribon post sendo de ia presita verko. Ili povas ankoraŭ informi nin pri forgesata verko aŭ pri eraro.

---

# Principaux Manuels en langue française.

*en vente aux dépôts de la Maison* HACHETTE & C^ie *et chez* SPINEUX & C^ie *à Bruxelles.*

**Grammaire et exercices de la langue Internationale Esperanto** par L. DE BEAUFRONT. — Prix 1.50 frc (port en plus.)
**L'Esperanto en 10 leçons** par TH. CART et M. PAGNIER. — Prix 0.75 (port en plus.)
**Dictionnaire Esperanto-Français** par L. DE BEAUFRONT. — Prix 1,50 (port en plus)
**Vocabulaire Français-Esperanto** par TH. CART, M. MERCKENS et P. BERTHELOT. Prix 2.50 (port en plus.)
**Thèmes d'application** par L. DE BEAUFRONT. — Prix 2.00 (port en plus),

# Nederlandsche Handboeken.

Bij den schrijver te Hilversum (Holland) — **Volledig Leerboek der opkomende wereldtaal Esperanto**, door DREVES UITTERDIJCK, Trompschool, Hilversum. — Prijs : fl : 1.50 (3.25 fr.) verzendingskosten daarboven.

Bij den drukker van *La Belga Sonorilo*, Nieuwe Wandeling, 4, Brugge : **Het Esperanto in tien lessen**, aan fr. 0,50.

La « *BELGA SONORILO* » acceptera des annonces qui devront satisfaire aux conditions suivantes :
1° Être rédigées exclusivement en Esperanto ;
2° Émaner de personnes s'engageant à correspondre en Esperanto ,
3° Les annonces doivent être prises pour une année entière.

1/16 de page annuellement fr. 8.00
1/8 » » » » 15.00

*De* «BELGA SONORILO» *aanveerdt aankondigingen die aan de volgende voorwaarden moeten voldoen :*
*1° Opgesteld zijn uitsluitelijk in Esperanto ;*
*2° Gegeven zijn door personen die zich verplichten in Esperanto te schrijven ;*
*3° De aankondigingen moeten genomen worden voor een gansch jaar.*

*1/16 bladz. jaarlijks fr. 8.00*
*1/8 » » » 15.00*

# The Cosmopolitan Correspondence Club

*— INTERNACIA ORGANISMO —*

**Organo : « THE GLOBE TROTTER ».**

Alvokas membrojn el ĉiuj landoj. — Pri pli detalaj informoj sin turni rekte al « *The Secretary of the C. C. C.* » Milwaukee. Wisconsin. U. S. A.

# LA REVUE POLYGLOTTE

**REVUO POLIGLOTA POR LERNO KAJ PROPAGANDO DE LA FREMDAJ LINGVOJ**

Eliras en la lingvoj franca, angla kaj germana la 5an kaj la 20an de ĉiu monato. — Kosto : jare 5 frankoj.

*Sin turni al la Direktoro S° F. HERMANN*

**25, rue des Charbonniers, BRUXELLES (Nord).**

# Federacio de la Belgaj Filatelistoj.

Oni Korespondas Esperante.
Pri sciigoj oni sin turnu al la Esperantista Sekretario, S^ro J. Coox, Kontisto, en Duffel (Belglando). Aldonu poŝtmarkon por la respondo.

# L'ANNONCE TIMBROLOGIQUE

MONATA ORGANO DE LA KOLEKTANTOJ

**da poŝtsignoj, ĵurnaloj kaj ilustritaj poŝtkartoj**

estas unu el la plej bonaj iloj por publikigo kaj por la interŝanĝantoj.

Ĝi ekzistas de 15 jaroj, kalkulas abonantojn en ĉiuj landoj de la mondo, kaj estas la OFICIALA ORGANO DE DEK FILATELAJ KAJ PRESAĴ-AMANTAJ SOCIETOJ; al ĉiuj membroj de tiuj societoj, ĝi estas sendita deve.

*JARA ABONO:* **2 frankoj** en ĉiuj landoj.

*MALGRANDAJ ANONCOJ:* **3 frankoj** por 12 enlokigoj po 4 linioj.

Sin turni al la Direktoro, **S^ro ARMAND DETHIER, 66, rue Floris, Bruxelles, Belgique.**

# LUEBLA LOKO.